

# Laborista Esperantisto

14DE JAARGANG, NO. 2, 4 JULI 1945.
VERSCHIJNT ZO MOGELIJK MAANDELIJKS.
VOOR LEDEN GRATIS. OPLAAG 3500 EX.

Alle correspondentie betreffende de redactie en de administratie van dit blad gelieve men te zenden aan het secretariaat van de Federatie van Arbeiders-Esperantisten:
Vier Heemskinderenstraat 53 ², Amsterdam-W.

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN
IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

# Sur la sojlo de la paco

Dum kvin jaroj la milito tuŝis la teritorion kie nia Federacio funkcias, vipis la belgan kaj nederlandan popolojn ĝis ili sangis el multaj kaj gravaj vundoj. Estus kvazaŭ prema inkubo kiun ni spertis, sed atestas pri la terura realo la detruitaĵoj, la malesto de multaj pacamantoj kaj kunlaborantoj kruele mortigitaj fare de la malamikoj, la ĥaoso kaj malsato, la funebraj memorigaĵoj pri la viktimoj de barbaraj germanoj surstrate kaj publike mortpafitaj kiel „konsila averto al la ceteraj homoj". Kiajn esperojn ni ja havis antaŭ la eksplodo de la milito! Kiel la kreskanta pacifismo post la jaro 1918a, nin stimulis, donis novan esperon, ĝojon pri la eblo, ke la mondo fariĝos plihominda, ke la minaco de bruta barbara milito iam forfalos, ke la nuancoj de la militemo ne plu montros sin en tiu homfatala perforteco, sed suriros la terenon de la racia progresemo, sur kiu la popoloj trovos unu la alian, sur kiu la militemo manifestos sin en komuna batalo kontraŭ hombuĉado kaj por hominda socio interpopola! Sed kun teruro ni poste vidis ekflami la militan fajreron en Germanio, Italio kaj Japanlando. Nian esperon ni tamen ne perdis kaj ankaŭ ni penis por estingi ĝin. Vane, spite ĉiajn klopodojn sur diversaj terenoj, internacie kaj nacie, la naci-socialisma milito-mito venkis kaj la kruda realo de la milita perforto montris sian senmaskan kruelan vizaĝon. Regis nur la rajto de la kadavra perforto. Por pacifismo ne plu estis loko nek por humanismo. Sen iu ajn averto, eĉ spite al plifruaj germanaj oficialaj certigoj, ke ili ne intencas militi kontraŭ Belgio kaj Nederlando, la barbaroj senskrupule invadis ankaŭ ĉi tiujn landojn. Meze en la nokto je la 2.30 a horo, ni en Amsterdam subite vekiĝis pro militagoj. Superflugis nin germanaj flugmaŝinoj, eksplodis bomboj, tondris la kanonoj...... sen deklaro. Estis la sekvinta mateno, kiam la nederlanda registaro decidis deklari la militon al la perfidaj invadintoj. Bonvena okazo al la hitleranoj por tiaj informi la germanan popolon kaj diskonigi la famon, ke post militdeklaro de Nederlando al Germanio la „gvidisto" (Hitler) estis devigita defendi sin kontraŭ tiu lando. Sama ludo okazis al preskaŭ ĉiuj malgrandaj ŝtatoj en Eŭropo. Post kelkaj tagoj oni en Germanio bombaste festis la venkon, iom pli poste pro grandioza venko super preskaŭ tuta Eŭropo. Ankaŭ Belgio kaj Nederlando dum kvin jaroj konatiĝis kun la benaĵoj de la hitlera reĝimo. De el ĉiuj kaŝaj anguloj germanaj okuloj observis nin, kaj sub la masko de „amikaj konsiloj" kaptis el niaj vicoj milojn kaj milojn ĉu por sklavigi, ĉu por mortigi ilin. La germana „ratokaptisto" senkompate aŭdigis sian muzikaĵon. Ne necesas detale raporti pri tio. Tuta nefaŝisma Eŭropo spertis la traktadon kaj nekalkulebla nombro da gazetoj en ĉiuj landoj nun raportas en ĉiuj lingvoj pri la kruelaĵoj. Ne plu estis loko por humanismo, por libero kaj progresemo. Dum kvin jaroj ni vivis en hitlera infero, en kiu regis nur perfido, deportado, rabado, mortigado kaj detruado, sekve kreskis la malamo al ĉio, kio estas naci-socialisma aŭ faŝista, kreskis la nacia sento, kreskis la volo por kontraŭstari la danĝeran malamikon kaj kun ĝi kreskis la militemo. . . .

Tia estis la situacio ĉe la finiĝo de la milito en Eŭropo. Kaj ni, starante sur la sojlo de la paco mire ĉirkaŭrigardas kaj demandas nin, ĉu ni povos fidi la estontecon, ĉu ne plu okazos io tiel kruela, tiel malhominda.

Ĉe la ruinaĵoj de Eŭropo oni nun interkonsiliĝas. Tute pura la horizonto ankoraŭ ne estas. La milito kontraŭ Japanlando ankoraŭ daŭras. Germanio malvenkis. Lavango da malbenoj ruliĝas super la germana popolo. Cetera Eŭropo kontentas, ke tiu popolo nun rikoltas, kion ĝi iam semis. Ne plu estas kaŭzo por militemi, nun estas paco. Oni deziras pacon, pacon... Ankoraŭ restas kontraŭi Japanlandon kaj venki ĝin; cetere finigi la hombuĉadon, por ke ni povu rekonstrui la mondon. En la mondo regas ĥaoso. Pluraj landoj troviĝas en plenaj baraktoj, aliaj progresis rimarkinde sur teknikaj kaj industriaj terenoj. Kion oni povas atendi? Ĉu homindan vivon, aŭ malriĉon? Tamen super ĉio regas la kontentiga konstato, ke estas paco en Eŭropo, finfine paco. Super ĉiuj niaj miksitaj sentoj, tiu fakto plene okupas nin. Kaj kun timo la popoloj aŭdas pri konfliktoj inter la „granduloj"; ĉu eblos, ke la militofajro denove ekflamos aliloke? Kiel eblos solvi la problemojn? Ĉu la tri potencoj, Sovet-Unio, Anglio kaj Ameriko ne interpuŝiĝos se ĉu Francio, ĉu Ĉinio en siaj klopodoj por plibonigi siajn respektivajn poziciojn rompos la ekvilibron de la politika balancilo?

Kun streĉa timatento la homoj observas ĉi ĉion kun pli aŭ malpli da fido en la klopodoj de la „potenculoj". Ili scias, ke ili ne partoprenas en tiu „diplomata batalo post la scenejo". La publiko nur vidas tiom, kiom oni permesas al ĝi rigardi tra faldeto de la kurteno.

Tamen ni scias, ke la paco dependas de l'aktiva volo de la popoloj. Ilia volo finfine diktos ĝin.

Dividitaj kaj pli malpli izolitaj en multege da ŝtatoj kaj ŝtatetoj ne eblas al la homoj koncentrigi siajn tutajn dezirojn, volon kaj forton, ne eblas al ĝi komprenigi nek kompreni la valoron de kunigita sopiro al vera paco tutmonda. La efektiviĝo de tutmonda paco necesigas solvi multajn problemojn, kiuj ŝajnas superhomaj, sed kies solvo estas plenuminda eĉ plenumenda. Por tio necesas kunigi ĉiujn fortojn, necesas super ĉio forigi la lingvajn barojn.

Nun, sur la sojlo de la paco, ni Esperantistoj komprenas la signifon de nia lingvo. Ni konstatas la bezonon de komuna lingvo, kiel bazo, sur kiu eblos konstrui la pacon.

## ★ S.A.T.-KOLONO

Sendube la federacia anaro scivolas pri la situacio de S.A.T., tiel en Nederlando kiel en la tuta mondo. Jam atingis nin informpetoj pri tio. Pro la malbona internacia poŝta trafiko la korespondado kun aliaj landoj estas ankoraŭ ne tute normala. Tial ne eblas jam havi kun eksterlando regulan kontakton por funkciigi la asocion pli malpli normale.

Malgraŭ tio, ke ni el Francio ricevis poŝtkarton kun esperanto-teksto, tamen montriĝis pro sciigo de la cenzuro, ke por eksterlando Esperanto ankoraŭ ne apartenas al la permesitaj lingvoj. Se oni do uzas Esperanton en la internacia korespondo, povas esti, ke revenos la skribaĵo.

Ni scias, ke en diversaj landoj eĉ dum la milito la esperantistoj ne bezonis ĉesigi la laboron por la movado. Ankaŭ en Francio la S.A.T.-amikaro daŭre aktivis, same kiel en Anglio. Ni tre ĝojas pri tio, ĉar estas esperinde, ke estonte la laborista esperanto-movado akiru la dimensiojn, kiujn ĝi havas jam en Nederlando. Ja ne plej gravas la sukcesoj en unu lando, sed en la tuta civilizita mondo.
Do, ni esperu, ke baldaŭ ankaŭ S.A.T. normale povos funkcii, ke baldaŭ povos reaperi „Sennaciulo", kiu sendube helpos al ni ripari la detruon de nia internacia kontakto individua kaj asocia.

Ne eblas nun jam diri de el kiu loko S.A.T.estonte estos administrata. Ni esperu, ke Parizo havos kapablajn kaj laboremajn k-dojn, kiuj povos repreni la asocian gvidadon, kiun ili en 1939a transdonis al R-damo. Ĉe tio ni pensas pri k-do Lanti, kiu laŭdire ankoraŭ restadas en Meksikio, sed kiu ja iam revenos al Parizo. Pri k-do Bartelmes rondiras diversaj famoj, eĉ pri lia morto, sed ni esperu, ke li ankoraŭ vivas, ankaŭ pro tio, ke S.A.T. malfacile povas malhavi tiajn funkciulojn. Intertempe la federacianoj rekomencu sian agadon por S.A.T.en la sekcioj. En la grandaj urboj oni refondu la rondojn por trakti la propagandon por S.A.T., okazigi lekciojn k.t.p. Reelektu, se necesas, aktivajn sekciajn perantojn kaj jam nun fiksu ian kotizon. Nepre ne forgesu, ke ankoraŭ validas la moto: Por praktikado S.A.T. Kaj pri la gravo de tiu praktikado, vi, malnovaj esperantistoj, ja plene konscias.

Do, restu fidelaj al S.A.T., kaj por eventualaj informpetoj kaj ĉio, koncerne S.A.T.on vi direktu vin al la peranto.

BAS WELS,
1e Wandeloorddwarsstr. 33,
Rotterdam-N.

# OP MARS NAAR HERSTEL

Een stroom van brieven, briefkaarten en allerlei berichten vindt thans elke dag zijn weg naar het adres van onzen secretaris, een stroom, die iedere dag aanzwelt. Uit heel het land vloeit hij naar ons toe. Het is één getuigenis van geestdrift, van geloof in ons ideaal, van verwachting en van vertrouwen in de toekomst. Thans blijkt wel hoe het vuur onder de oppervlakte smeulende bleef, een vuur, dat geen Duitse laars of bruut geweld kon blussen. Op voor het Esperanto, klonk het in de harten bij de bevrijding, thans de gehele wereld vrij voor ons, vrij en open de schatkamers der aarde voor elk van zijn bewoners, de schatkamers van de gemeenschapszin, die leeft in elk volk, doch welke schatkamers slechts hun grimmige muren laten zien aan hen, die de sleutel niet vonden om de deuren te openen en de rijkdom van geest door gebrek aan onderling verstaan niet leerden kennen. Op voor het Esperanto, wij willen ons de mogelijkheid scheppen om de vrede te bouwen. Verslagen is de vijand, die het ons trachtte te beletten, die in zijn waanwijsheid meende ook ons geestelijk bezit te kunnen vernietigen, evenals hij ons materieel bezit verbeurd verklaarde en wat hij aan papier vond verbrandde of in de papiermolen deponeerde. Thans is het de tijd om te herstellen, om weder op te bouwen, zo mogelijk nog hechter, nog sterker. Wij bouwen daarmede aan de toekomst, we bouwen aan de vrede.

Het was het Zuiden, dat het eerst bevrijd werd, en 't waren onze kameraden daar, die de handen aan de ploeg sloegen en onmiddellijk voor onze Federatie begonnen te werken. De afdeling in Heerlen (secr. J. Sterken, Vorstenstraat 60, aldaar) werd reeds 1 November 1944 heropgericht. Tot steun voor de Federatie verzamelde men de som van f 100.—, die wij inmiddels ontvingen. Een daad, die getuigt van geestdrift en van begrip om de moeilijkheden te overwinnen. Na de bevrijding in het overige deel van het land bleek ook daar deze geestkracht te bestaan. En behoudens een enkele uitzondering, die van mening is, dat nu maar radikaal afgedaan moet worden met alles wat voorheen was, en bij voorbaat maar begonnen is zich afzijdig te houden van aansluiting bij zijn oude esperanto-organisatie, konden we vaststellen dat onze kerngroepen op hun post waren en zonder verwijl het werk hebben aangepakt. Ondanks grote moeilijklijkheden in 't vervoer en met de post hebben wij het contact reeds kunnen herstellen met meer dan 50 heropgerichte afdelingen in 40 plaatsen, terwijl wij in 10 andere plaatsen verbinding hebben met leden, waar men pogingen in 't werk stelt om tot het oprichten van afdelingen, of het inrichten van esperanto-cursussen, te geraken. Een volledige lijst van afdelingen en adressen verschijnt zo mogelijk in een der eerstvolgende nummers van L.E.

---

Rotterdam-aj S.A.T.-anoj, atentu!

La k-dojn en Rotterdam, kaj ĉirkaŭo ni atentigas pri grava
S.A.T.-RONDO – KUNVENO
la 15an de Julio
Rusthoflaan 53
Komenciĝo je la deka horo

Amsterdamaj S.A.T.-anoj, atentu!

Kiom eble plej baldaŭ, la amsterdama S.A.T.-rondo stariĝos. Se denove vi deziras S.A.T.-aniĝi, vi bonvolu anonci nomon kaj adreson al la amsterdama S.A.T.-perantino:
H. OUDENHOOVEN-BISHOFF
Bestevaerstraat 127³, Amsterdam-W

# ONS STANDPUNT

Bij de wederopbouw van de esperanto-beweging stellen wij ons de vraag of — en in hoeverre — verandering en vernieuwing in organisatie, ja mogelijk in de gehele beweging, wenselijk is, om tot een doeltreffende propaganda en verbreiding van de taal te geraken.
't Is niet alleen hier, maar ook elders, dat de overweging om tot één algemene eenheid te geraken, naar voren komt. Samenbundeling brengt ons tot de hoogste trap van kunnen en ontwikkeling. Dit parool is een niet te verwaarlozen factor, die ons streven sterk beïnvloedt. Een open oog voor alle mogelijkheden die zich op dit terrein voordoen is noodzakelijk.
Ook het federatie-bestuur heeft zich hiervan terdege rekenschap gegeven en bij de wederopbouw van onze organisatie zich afgevraagd in hoeverre de Federatie in het verleden mogelijk hierin te kort geschoten is en of eventuele voorzieningen getroffen moesten worden om tot de doeltreffendste verbreiding van het Esperanto te geraken.

In ons vorig nummer van L.E. gaven we onder de bestuursmededelingen in het kort onze mening weer, wij willen er in dit artikel uitvoeriger op terugkomen.
De Federatie heeft voor de oorlog een ontwikkeling en bloei meegemaakt, die de hoogste verwachtingen voor de toekomst rechtvaardigden. Indien de funeste invloed van het nationaal-socialisme de propaganda van Esperanto in het grootste deel van Europa niet had lamgelegd, onze taal zou zich ongetwijfeld reeds een vaste plaats veroverd hebben. Ook de Federatie zou hiertoe in belangrijke mate (althans in 't Nederlandse taalgebied) hebben bijgedragen. Wat was hiervan de oorzaak? Was dit het resultaat van de „hokjesgeest", zoals men nu wel eens wat smalend hoort spreken over de verschillen der meningen en belangen, die zich manifesteren in de tendenzen? En is dat onjuist?
Het gaat evenwel niet aan om de tendenzen eenvoudig te veroordelen als „hokjesgeest". Elk positief en progressief streven zal steun zoeken in vereniging, omdat het zich een weg moet banen. De nieuwe gedachte, de nieuwe idee druist in tegen de oude. Het ondervindt tegenstand, moet moeilijkheden overwinnen. Hieruit ontleent het echter zijn kracht. Een staatsorde, waarin deze ontwikkeling niet mogelijk is, geraakt tot vervlakking of manifesteert zich in een vorm waarmede wij in de afgelopen 5 jaar, maar al te zeer tot ons nadeel, kennis mochten maken. Alleen in een gemeenschap waar de ontwikkeling der tendenzen mogelijk is, zullen de vooruitstrevendste elementen tot ontplooiing komen, gesterkt en veredeld in de strijd tegen conservatisme en behoudzucht, getoetst en gehard in de practijk.
In deze tendenzen vinden wij de geestverwantschap tussen de individuen, een geestverwantschap, die wij in de esperanto-beweging moeten benutten ten gunste van onze zaak. Het is juist op dit terrein dat de Federatie in het verleden een succes kon boeken als wij in dit artikel reeds naar voren brachten. Een overtuigd socialist zal een geestverwant beter kunnen overtuigen van de rol, die Esperanto kan vervullen voor het socialisme, dan een niet-socialist; en de katholieke esperantist beter zijn geloofsgenoot overtuigen dan een niet-katholiek dat zou kunnen.
Bovendien zijn er nog andere factoren die een gunstige invloed uitoefenen. De arbeiders-esperanto-organisatie zal gemakkelijker het vertrouwen en de medewerking van de arbeidersbeweging verwerven dan b.v. de neutrale esperanto-organisatie, die uit hoofde harer neutraliteit relaties onderhoudt met aan de arbeidersbeweging vijandige elementen (men denke b.v. aan het internationale esperanto-congres in Koln). In het verleden heeft de Federatie vertrouwen en steun ondervonden bij de arbeidersbeweging en bij haar leiders, een vertrouwen en een steun, waarvan de esperantobeweging de vruchten kon plukken.
Ook voor de toekomst achten wij de ontwikkeling op deze grondslagen de juiste en meest verkieslijke, afgezien daarvan of het bestuur wel verantwoord was als het zonder uitspraak van de leden een nieuwe zogenaamde „eenheidsorganisatie" zou hebben opgericht; een dergelijke houding zou mogelijk geleid hebben tot een chaos, die alleszins ongewenst is in onze esperanto-beweging. De onzekere na-oorlogsche toestanden zijn niet bevorderlijk voor experimenten waarin we veel zouden kunnen verliezen en de mogelijke winst op zijn zachtst uitgedrukt dubieus zou zijn.
Ons doel is niet één grote landelijke esperanto-organisatie, welks bestaan verzekerd is, doch een **zo doelmatig mogelijk doordringen van het Esperanto in alle lagen van de bevolking.** De vervulling echter van dit streven betekent tevens de ontbinding van de landelijke esperanto-verenigingen. In wereldorganisaties zullen de esperantisten dan hun idealen als gemeenschapsmensen, als socialisten of humanisten, enz. kunnen uitdragen.
Op grond van deze overwegingen schreven wij (zie L.E. No. 1, pag. 4, „Ons standpunt"): „Het (bestuur) is van mening, dat de bevordering van het Esperanto gebaat is bij een vertegenwoordiging van de verschillende stromingen, die er onder ons volk leven. Dit moet zich echter beperken tot de belangrijkste tendenzen. Zo wordt de propaganda het meest gediend. Deze organisaties moeten elkaar vinden daar, waar gezamenlijk optreden bevorderlijk is voor het gemeenschappelijk doel."
Inderdaad, dit standpunt is niet nieuw; in onze koers is geen enkele wijziging gekomen. De over ons gegane storm der laatste jaren doet hier niets aan af, integendeel, de peiling wijst uit, dat wij onze richting niet alleen niet behoeven te wijzigen, doch zelfs moeten vervolgen.
Pleiten voor één eenheidsorganisatie zou betekenen, dat wij in 't verleden fout waren, of, en wat o.i. nog erger is, wij zouden juist nu afdwalen.
Natuurlijk ontkennen wij hiermede geenszins dat samenbundeling niet wenselijk is. Integendeel, de Federatie heeft hiervoor steeds op de bres gestaan. Men denke slechts aan onze pogingen om te geraken tot één examencommissie. De esperantisten mogen dit nimmer vergeten, deze strijd is zeer leerzaam. Bovendien ligt ons nog vers in 't geheugen het congres in Den Haag, voor de oorlog, van het comité „Esperanto op de school". Ons streven ging steeds uit naar deze samenbundeling, en ook voor de toekomst zijn wij voorstanders hiervan. Evenals in het verleden zal de Federatie ook in de toekomst niet aarzelen het initiatief hiertoe te nemen.
Wil dit nu zeggen dat men maar te hooi en te gras landelijke esperanto-organisaties uit de grond moet stampen? Absoluut niet! Ook dat achten wij verkeerd. Er mogen niet meer verenigingen bestaan dan verantwoord is. Men moet blijven in gezonde verhoudingen. Wij zullen ons in de toekomst, evenals in het verleden, daar tegen verzetten. Overbodige organisaties verzwakken niet alleen de beweging, doch veroorzaken bovendien splitsing en wrijving, wantrouwen en ontevredenheid; brengen dus meer schade dan voordeel aan onze zaak. Voor zover wij contact hadden met enkele bestuurders van de andere organisaties, deelden deze, ten opzichte van het vraagstuk eenheid of samenbundeling, de mening van ons bestuur.
Het raderwerk van ons apparaat begint weer te draaien. Binnenkort werkt het mogelijk weer op volle toeren. Met enthousiasme nemen onze kameraden overal het werk weer ter hand voor de verbreiding van het Esperanto onder de arbeiders, en streven naar toepassing van onze taal in de arbeidersbeweging op internationaal terrein. Vol vertrouwen en hoopvol zien wij nu, na de bevrijding, wederom de verdere ontwikkeling tegemoet.

---

## Elparolu Zorge

Kvankam la germanoj antaŭ kvar jaroj likvidis nian Federacion, mi tamen ne ĉesis esti esperantisto. Ne nur hejme, sed ankaŭ kun kelkaj federaciaj amikoj mi ofte parolis Esperanton. Post la liberiĝo de nia lando mi kontaktiĝis kun pli da esperantistoj, anoj de diversaj organizoj kaj sociaj rondoj. Mi ĝoje, konstatis, ke neniu plene forgesis la lingvon. Sed kun malĝojo mi konstatis — almenaŭ en la ĉefurbo — ke ilia elparolado tre suferis. Trafis min 'a fakto, ke multaj — ne nur el laboristaj rondoj — tre malzorge, kelkfoje eĉ vulgare elparolas Esperanton.
Tion oni nepre ŝanĝu! Prezentiĝas nun taŭga okazo: en diversaj sekcioj oni komencos „refreŝigajn kursojn". En tiuj kursoj oni nepre atentu la elparolon! Donu elparolajn ekzercojn! Aranĝu ekzercojn pri voĉlegado!
**Esperanto estas belsona lingvo — sed nur, se ni zorge ĝin elparolas!** F.

---

*INGEZONDEN*

## Dank

Een schok van ontroering zal door het hart van menig arbeiders-esperantist zijn gegaan bij het lezen van het nieuws: de Federatie heeft haar werkzaamheden hervat. Meer echter nog zal hij erdoor getroffen zijn, dat 3 weken na de capitulatie reeds een „Laborista Esperantisto" van de pers kwam!
Naast de bitterheid, die meer en meer de overhand verkreeg in ons leven, bekroop soms weemoed ons bij het denken aan de tijd van vóór '40. Tevreden met de toenmalige gang van zaken waren wij geenszins, maar die tijd was heilig (ogenschijnlijk althans!) vergeleken bij de jaren die volgden. Ons levensplan daalde steeds meer (naar het materiële): de honger kwam, naast de geestelijke knechting door het nationaal-socialisme, en de taal Esperanto verdween grotendeels uit ons geheugen, het ideaal Esperanto uit ons hart.
Maar nu is L.E. er weer!
Het oude ideaal blijkt levensvatbaarheid te hebben, ook nu; namen van buitenlandse Esperantisten verwarmen weer ons hart, en sterker voelen wij de kreet worden van de wereld, van de lijdende wereld, die ons roept, onze hulp vraagt.
Namens alle gekamaradoj meen ik te spreken, wanneer ik hier mijn innige dank uitspreek voor het werk, dat het federatiebestuur reeds nu verrichtte, maar ook voor haar zorg, dat onze boeken uit de handen van den overweldiger zijn gebleven, dat onze Libro-Servo weer draait!
De activiteit van het bestuur zal door de werkers in het land niet beschaamd worden. Opnieuw zullen wij het ideaal Esperanto de centrale plaats in ons leven geven.

EEN LID.

# Ĉu tutmonda demokratio?

Post la spertoj kun la germana naci-socialismo ĉiu suferinto de ĉi tiu sistemo estas konvinkita pri ĝia fripo-neco. Oni bone scias, kion la naci-socialismo misfaris, sed oni ĝenerale ne konscias kiel eblis, ke la germanoj regis tiel senskrupule; kiel eblis, ke germanaj laboristoj en soldataj uniformoj persekutis samklasanojn el aliaj landoj; kiel eblis, ke homoj povis murdi niajn plej bravajn kamaradojn. La plenumantoj de tiuj malbonaj agoj ja estis homoj, ofte homoj kun samaj sentoj kiel alilanduloj.
Tiuj fiagoj povis okazi ne pro la senkoreco de ĉiu individua germano, sed nur pro tio, ke la hitlera reĝimo sukcesis silentigi la konsciencon de la homoj. Persone la uniformportanto ne respondecis pri siaj agoj, li devis plenumi la ordonojn de sia gvidisto kaj tiu lasta nur ordonis, kio estis favora al la interesoj de la ŝtato. Ĉu li maljustis kontraŭ senkulpuloj, ĉu li enkarcerigis en siajn koncentrejojn judojn nur pro ilia judeco, ĉu li sange ekstermis alie pensantajn homojn, lia konscienco neniam faris riproĉojn. La prospero de la ŝtato ja postulis tion kaj tia konsidero estis bona preteksto por la fanatikaj gvidistoj.
Nun la roloj estas turnitaj. Kun la venko super la germana armeo ankaŭ la politika sistemo de germanio estas venkita. Preskaŭ ĉiu homo nun deziras ion alian, ion se eble novan. Sed la historio ripetiĝas. Post periodo de diktatora regado venas periodo de demokrata regado. Kaj malgraŭ ĉiuj kritikindaĵoj, ligitaj al la demokratio, ni preferas tutprudente tiun regadsistemon super la granda maljusteco de la naci-socialismo.
Nun la homoj redeziras la demokration, ili sopiras ĝian revenon kun forigo de la eraroj el la pasinteco. Jen estas bela ŝanco por tiu pli justa regadsistemo kaj.... por Esperanto. Se la popoloj efektive volas mem regi, se ili mem volas direkti sian vivon, ili unue devas kompreni unu la alian. Tute ne harmonias kun la novaj ideoj, ke ekzemple en brita Hindujo, lando dudekoble pli granda ol Anglio, la oficiala parlamenta lingvo estas la angla, komprenata nur de intelektuloj, kiuj kompare kun la ducent milionoj da enloĝantoj estas kvazaŭ kelkaj akveroj en maro.
La situacio en la cetera mondo prezentas saman bildon kiel ĉi supra. La interesoj de la laboristoj samas, sed tiuj interesoj estas defendataj, sed pli ofte atakataj nur de diplomatoj, de la lingvokonantoj. Per Esperanto tio povas ŝanĝiĝi, per nia universala lingvo ni povas senpere interrilati kun niaj samklasanoj.
Novaj ideoj vivas. Konvinku la viajn, ke sen Esperanto ili estas traktataj kiel senpovaj suĉinfanoj, ke pro Esperanto ili maturiĝos, ĉar per nia lingvo ili povas malkovri tion, kio alie restos kovrita por ili en la sekretaj ĉambroj de la diplomatio.

H. Sch.

# Bestuursmededelingen

**Congres.**

Ondanks de onzekere toestand betreffende vervoers- en reismogelijkheden besloten wij toch de congresdagen vast te stellen, en wel op 6 en 7 October a.s. in Amsterdam. 't Blijkt niet mogelijk te zijn dit eerder te doen plaats vinden. Maar ook de nu genoemde data zijn waarschijnlijk te optimistisch, desniettemin achten wij het toch noodzakelijk reeds nu alle voorbereidingen te treffen, opdat een vlotte afwikkeling verzekerd is.
Onderzoek zal worden gedaan naar de mogelijkheid van reizen voor de afgevaardigden. De afdelingsbesturen moeten er rekening mede houden, dat de congresvoorstellen uiterlijk 15 Augustus a.s. worden ingezonden bij den federatie-secretaris, zomede de candidaturen voor het federatie-bestuur.
Op ons a.s. congres zullen we ons voornamelijk moeten beraden omtrent de positie van onze organisatie onder de nieuwe verhoudingen, benevens de richtlijnen voor de naaste toekomst. Het ligt in de bedoeling in 1946 wederom ons traditionele Paascongres te houden, waar we dan onder gunstiger omstandigheden en met meer inzicht van zaken tot definitieve besluiten zullen kunnen komen. Men zie dus in ons eerste congres, dat uit de aard der zaak niet een geheel voltallige vertegenwoordiging zal kunnen zijn, een voorloper van ons Paascongres. Het is echter dringend noodzakelijk een dergelijk congres zo vroeg mogelijk te doen plaatsvinden, ondanks alle onvolkomenheden, om de maatregelen te kunnen treffen die onder de huidige omstandigheden nodig en gewenst zijn voor onze Federatie in het bijzonder en de esperantobeweging in het algemeen. Het spreekt vanzelf dat ingrijpende besluiten, die thans mogelijk onder ogen moeten worden gezien, zij het ook in een beperkt congres, besproken moeten worden, besluiten, die overigens hun bekrachtiging in het Paascongres zullen vinden.

**Ledenlijsten.**

Vergeet vooral niet de ledenlijsten in te sturen. Een goede leden-administratie bevordert de toezending van L.E. en vergemakkelijkt ons het werk.

**Interkontaktilo.**

Aan de afdelingsbesturen, konsilantaranoj en aktivuloj werd het eerste nummer van Interkontaktilo, verschenen na de bevrijding, toegezonden.

**Algemene leden.**

De voorlopige contributie voor de algemene leden is vastgesteld op f 3.60 per jaar.

**Inzendingen voor L.E.**

Onze afdelingsbestuurders, onze leden, iedereen, die iets schrijft voor L.E., gelieve dit duidelijk te doen. Daardoor bevordert men een vlugge gereedmaking van ons blad. Vooral de copie in het Esperanto moet duidelijk zijn geschreven. Dit bespaart den zetter een hoop last en den redacteur vele correcties.

**Libro-Servo.**

Met grote vreugde hebben wij de vele bestellingen voor de „Libro-Servo" ontvangen.
In verband met de omstandigheden echter moeten wij bestellers verzoeken enig geduld te oefenen.
De mededeling, dat onze boekenvoorraad gered is, betekent namelijk niet, dat wij reeds de volle beschikking hebben over de boeken. Tengevolge van de transportmoeilijkheden is het ons nog niet gelukt de voorraad naar onze centrale opslagplaats over te brengen. Bovendien is de verzending der boeken buiten Amsterdam eveneens een moeilijk vraagstuk, want postpakketten worden nog niet aangenomen en brieven mogen niet zwaarder zijn dan 200 gr. Er wordt echter alles gedaan, om de stagnatie zoveel mogelijk te bekorten, zodat wij bestellers wel verzoeken vooral niet ongeduldig te worden; wij leven nu eenmaal in een overgangstoestand en er ontbreekt ons zoveel, om een geregelde gang van zaken te kunnen waarborgen, dat ons verzoek om enige consideratie zeker niet als misplaatst te beschouwen is.

**Correspondentie-adres.**

Men houde er rekening mede, dat het voorlopig adres van de Federatie voor alle correspondentie is:
Vier Heemskinderenstraat 53², Amsterdam-W.

**Volgend L.E.**

verschijnt zo mogelijk 29 Juli. Copy diene uiterlijk 19 Juli a.s. in ons bezit te zijn.

# UIT DE AFDELINGEN

**AFD. AMSTERDAM V.**
**Secr.: Marco Polostraat 64¹.**

Tuj post la liberiĝo la estraro kunvenis por fari la necesajn preparojn. Ĉiuj anoj, pri kies adresoj ni disponis, estis vizitataj por instigi ilin partopreni al la unua membrarkunveno. La fondiĝa kunveno okazis la 22an de majo. Ĉeestis proksimume 50 personoj, inter kiuj multaj eksanoj. La unua revido de tiom da kamaradoj kaŭzis kompreneble multe da ĝojo. Manoj estis premataj, ŝultroj frapataj. La ĝojo, denove povante eklabori estis videbla sur ĉies vizaĝo.
Per rememorigaj kaj instigaj vortoj, la prezidanto kondukis la kunvenon al priparolenda tagordo. Reelektiĝis la malnova estraro. Vakis la funkcioj de la unua kasisto, kiu antaŭ kelkaj jaroj mortis, kaj de la dua sekretario, kiu pro laborcirkonstancoj ne plu povis partopreni la estraron.
La kunveno elektis por tiuj funkcioj resp.: k-don Bultemeyer kaj k-don Marsman. En la estraro elektiĝis i.a. jenaj k-doj: Prezidanto: J. v. d. Stolpe; sekretario: P. Lamfers, Marco Polostraat 64¹; kasisto: B. Bultemeyer, Jan van Galenstraat 86¹.
Entute jam reaniĝis al nia grupo proksimume 60 geanoj, kaj certe ankoraŭ multaj sekvos ilian ekzemplon. Ni priparolis la propagandon, varbadon de kursanoj, akceptis proponojn tiurilatajn, ktp. Kunlaboru ĉiu ano por efektivigi nian idealon. Ĉies helpo estas petata kaj bonvena.

P. Lamfers, Sekr.

**AFD. AMSTERDAM XIII.**
**Secr.: Hectorstraat 13 huis.**

Tuj post la finiĝo de la milito nia sekcio restariĝis. Jam 38 anoj sin anoncis. Tiu nombro fariĝu pli granda. Esperantistoj, kiuj dum la milito eklogis en la ĉirkaŭaĵo de olimpa stadiono estas bonvenaj en nia rondo. Por refreŝigi la konon de nia lingvo, ni okazigos ripetkurson. Ĉiu ano partoprenu ĝin!
Anoj, kiuj dum la militjaroj konservis niajn ajojn: librojn, seĝojn, tablojn, kurtenojn ktp bonvolu interrilati pri la redono de tiuj objektoj kun la sekretario.

W. P. Siglé, sekretario.

**AFD. ENSCHEDE.**
**Secr.: Estrikstraat 37.**

Onze afd. heeft haar werk hervat. Het bestuur is als volgt samengesteld: Voorzitter: G. P. de Bruin; secretaris: J. Piepneriet, Estrikstraat 37; penningmeester: E. Huisman.
Van onze leden vielen als slachtoffer van het oorlogsgeweld k-doj G. Konings, bomaanval 10-10-'42; Gelderman, vermoord door nazi's, en Gellekink, die overleed door ziekte (t.b.c.)
Voor de nieuwe cursus meldden zich ruim 20 personen. Een collecte bracht f 60.— op.
Onze bibliotheek bleef intact. Wij maakten kennis met enige k-doj uit Amsterdam en Rotterdam, die terugkwamen uit Duitsland en nu hier zijn op doorreis naar huis.

J. Pieperiet.



DRUK DICO — AMSTERDAM